1/1998

Januaro/Februaro

Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.

# Gxojan Kristnaskon



# kaj felicxan novan jaron!

| Enhavo | Editorajxoj |
|---|---|
|  | Redaktofino de n-ro 2/98: 15 - 01 - 1998<br>Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.* |

| | |
|---|---|
| 13. Junulara Paska Renkontigxo 1998 | Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg<br>Tel/Faks: +49 40 250 30 65<br>Cxefredaktoro: Benno Klehr,<br>Oelkersallee 31, D-22769 Hamburg,<br>Tel. +49 40 43 51 97<br>eMail: EsperantHH@aol.com |

| | |
|---|---|
| La HES Klubejo estas malfermita Jxauxde ekde 18:30 h.<br>Programo: 20:00 h.<br>GIS: kunvenoj lauxbezone;<br>Informoj:<br>Tel. (040) 58 71 82 aux 738 45 08 | Das Haus des Esperanto Vereins Hamburg ist geöffnet donnerstags ab 18:30 Uhr.<br>Programm: 20:00 Uhr<br>GIS: Zusammenkünfte nach Bedarf;<br>Information:<br>Tel. (040) 58 71 82 oder 738 45 08 |

**Sentenco**

La konscienco
estas interna tribunalo,
kiun vi neniam
povos subacxeti.

laux Zamenhof

Enhavo

---

**Karaj legantoj!**

La jaro 1997 finigxas kaj ni devas konfesi, ke gxi ne estis tre sukcesa. Bedauxrinde malkreskis la intereso en la publiko pri Esperanto-kursoj. Samtempe ni ankaux konstatis malpli da intereso inter la Esperantistoj pri seminarioj. Povas esti, ke la gxenerala ekonomia situacio estas unu el la kauxzoj - almenaux ni klopodis. Espereble la jaro 1998 estos pli bona.

Ni deziras al cxiuj membroj kaj amikoj agrablajn festotagojn kaj prosperan novan jaron!

La estraro de HES

Enhavo

---

**DU NOVAJ LIBROJ APERIS CXE UEA**

PAJLEROJ KAJ STOPLOJ de William Auld. La 348 pagxa libro estas kolekto de eseoj, artikoloj, recenzoj, kaj prozaxoj originalaj kaj tradukitaj. Ili aperis en Esperanto-gazetoj dum periodo de 50 jaroj kaj ne estis publikigitaj libroforme gxis nun. La rehavebligo de tiuj dau`re valoraj tekstoj estas vera evento en la cxi-jara librorikolto. La volumo estas aparte bele eldonita, kun plenkolora kovrilo. Prezo: 42 gld.

KULTURO KAJ TEKNOLOGIO de prof. Andrew O. Urevbu, originale eldonita de Unesko, enkondukas en la cxi-jaran temon de la Jardeko de Kultura Evoluigo. Gxi traktas en fascina maniero la reciprokan influon de kulturo kaj teknika evoluo, kun apartaj analizoj pri la historiaj spertoj de Japanio, Cxinio, Usono, Britio, Francio, Germanio, Sovetio kaj Afriko. La 64-pagxa libro estas tradukita de Johano Rapley. Prezo: 15 gld.

Ambaux libroj estas haveblaj cxe UEA kaj landaj libroservoj.

Enhavo

---

**53a kongreso de SATamikaro la 11,12,13 de aprilo 1998** en Quintin apud St Brieuc, en departemento Cotes d'Armor en Francio
temoj : gxeneralaj kunvenoj de la la asocio SATamikaro, konferencoj pri dulingveco (franca kaj bretona lingvoj), komparo bretona Esperanta lingvoj, pri la problemaro de akvo en Bretonio (polucio, ekonomio, agrikulturaj teknikoj ktp), esperanto literaturo ktp...
2) kiel antaù-kongresa evento, okazos de la 7-a gxis la 10-a de aprilo la dua Bretona Esperanto Kanto-stagxo, kun kantoj nur en Esperanto sed cxu originalaj, cxu tradukitaj aparte de la bretona lingvo. La stagxo finigxos per koncerto antau la kongreso.
3) infankongreseto dum la kongreso kun aparta programo: konkurso de la infana letero al franca respublikestro pri Esperanto; konstruado de malbabela sablo-turo; pentrado de paskaj ovoj, spurludo, ktp...

Por informoj kontaktu la OKK (Organiza Kongresa Komitato) per ge-oj Clopeau , n 6 rue J.P Calloc'h 22000 St Brieuc aux per denis.clopeau@wanadoo.fr .

Enhavo

---

Nia Zamenhoffesto

Denove nia klubejo estis plenplena de pl ol 50 Esperantistoj, kiuj volis partopreni en la Zamenhoffesto, la 6-an de Decembro. Sur la plano de la vespero ne estis granda predlego aux longa parolado - sed nur la granda menuo, pro kiu la plej multaj cxeestantoj venis.
Je la 19-a horo estis la komenco. La menuo konsistis el ses mangxometoj: Unue estis servita "tinusa koktelo laux Ellen Eggers" (Tiun recepton mi nepre volas havi!)
El iu angulo mi auxdis: "Cxu koktelo ne estas io pro trinki?"
Poste venis tre bongusta "kortbirda konsomeo kun legomoj kaj bakitaj globetoj".
Post tio sekvis "sxafida hakviando rulita en rugxa brasiko". Kelkaj membroj miris pri tiu "nigra" brasiko, kiun ili ne konis. Sed estis la kulpo de la kandelolumo, ke la blua koloro de la kuirita brasiko sxajnis nigra.
En la pauxzo nia Prezidanto *Benno Klehr* transdonis honor-dokumenton kun ora pinglo nome de Germana Esperanto-Asocio al *d-ro Werner Bormann* pro lia 50-jara membreco, kaj kun argxenta pinglo al *Hans-Hermann Dassau* pro 25 jaroj. Ambaux jubileuloj ricevis florbukedon kaj gratulan aplauxdon de la cxeestantoj. Tuj poste sekvis "sxerbeto de arbaraj fruktoj", kiu estis sxampano kun memfarita frukta glaciajxo. Tio estis bona pauxzo por denove ricevi spacon en la stomako por la cxefa magxajxo: "bovajxo en mustarda-biera sauxco kun fungoj kaj sxvabaj nudeloj". La viando estis kiel pentrita: unu trancxajxo same

granda kiel la alia. Kaj la sauxco!!! Kelkaj klubanoj nur mangxis viandon kaj suxcon kaj lasis la nudeloj (Cxu *Spätzle* estas *paseretoj*?). [Ne! red.]
La finalon de la menuo formis "kremajxo kun fruktoj", kiu estis torteto kun vanila kaj frukta kremajxo kun frukta sauxco. La deserto venis precize je la 22-a horo kaj 15 - kiel estis planita en la kuirejo. Per granda aplauxdo kaj gratuloj finigxis la menuo. Kelkaj partoprenantoj tuj foriris dum aliaj ankoraux restis por babili. Post noktomezo ankaux la laborantoj povis iri hejmen, sed ili revenis Dimancxon por purigi la klubejon. La Zamenhoffesto de 1997 estis sukceso: La partoprenantoj estis pli ol kontentaj kaj la kluba kaso havis profiton, por financi la venontan "Du und Deine Welt".

Hannelore Brunow

Enhavo

---

**Programo de HES**

| Januaro | Februaro | Marto (Aprilo) |
|---|---|---|
| **8** *Hannelore Brunow:*<br>Proverboj kaj parolturnoj<br>- Sprichwörter und Redewendungen<br><br>**15** *Rudolf Haberland:*<br>SAT-Kongreso en St.Petersburg (Video)<br><br>**22** *Werner Bormannj:*<br>Turnopunktoj en la historio de Esperanto en Germanio<br>- Wendepunkte der Esperanto-Geschichte<br><br>**29** *Pia Haasis:*<br>Kio okazas en la muzeoj de Hamburg?<br>- Museums-Programm | **8** *Rudolf Haberland:*<br>Rakontoj pri la SAT-kongreso en St. Peterburgo de "Jub Krudulo"<br><br>**12** *Frank Merla:*<br>Kio estas interreto?<br><br>**19** *Karin Lenki:*<br>Euxro-kvizo<br><br>**20a gxis 22a** de Februaro:<br>Vendrede gxis Dimancxe,<br><br>ELTEKO-6<br><br>ne okazos<br><br>**26** *La membroj de HES:*<br>**Jarcxefkunveno** kun novelektoj<br><br>**28 Sabato**<br><br>Kostumfesto "En Haremo" kun ventrodancado | **5** *Rüdiger Sachs:*<br>Pri la nova laboro kiel Prezidanto de Internacia Scienca Asocio Esperantista (ISAE)<br><br>**12** *Werner Bormann:*<br>"Homaj Rajtoj"<br><br>**19** *Benno Klehr:*<br>Lingvaj ludoj<br><br>**26** *La cxeestantoj:*<br>Preparkunsido por la Euxropa Semajno en Hamburg<br><br>**9-a de Aprilo**<br><br>Ovokunveno |

Enhavo

---

# Dankon al Elsbeth Wielgus

Dum proksimume dudek jaroj Elsbeth Wielgus prizorgis la kuirejon de la "Propra Klubejo". La kuireja laboro ne nur ampleksis kuiradon por la Jxauxdaj klubvesperoj, sed jam antauxe acxetado den mangxajxoj kaj trinkajxoj - kaj poste lavado, purigado kaj ordigo de la klubejo. Ek de Januaro 1998 sxi ne plu faros tiun laboron. Ni kore dankas al sxi pro tiu dauxrema kaj sindonema egagxigxo por la societo.

La estraro de Hamburga Esperanto-Societo

Enhavo

---

**Marjorie Boulton ricevas la Esperanto-Kulturpremion de urbo Aalen kaj FAME-fondajxo.**

La prestigxan Esperanto-Kulturpremion de Aalen en 1998 ricevos la renoma Esperanto-poeto d-ro Marjorie Boulton. Tion jxus decidis FAME-fondajxo por stimulado de internaciaj kompreniloj.

Sxi ricevos la sesan premion en valoro de 10 000 germanaj markoj (plej alta premiosumo en Esperantujo) pro siaj meritoj pri literaturo, scienca agado, edukado kaj kontribuoj al humaneco kaj interkompreno.

La literarur-sciencisto Boulton, (nun emerita) docento en fama Oksfordo, publikigis ne nur multajn poeziajn volumojn sed ankaux valorajn lernolibrojn kaj krome dum multaj jaroj gvidis la prestigxan Esperanto-somerlernejon en Barlastono, kiun sxi per granda engagxigxo kondukis al alta nivelo.

Kiel sciencisto sxi elstaris per multaj brilaj prelegoj kadre de l´ Internacia Universitato dum Universalaj Kongresoj kaj dum vojagxoj tra multaj landoj; cxiam sxi sukcesas fascini sian auxskultantaron kaj per polurita stilo kaj per eksterordinara enhavo.

FAME-prezidanto kaj fondinto de "Monato", Stefan Maul, aldonas: "Ni krome agnoskas per la premio sxian jxurnalistan agadon, precipe en MONATO, kie sxi aperigis abunde interesajn artikolojn pri ofte nekutimaj temoj; sxi scias verki pri sxajnaj bagateloj de l´ homa vivo pensigajn kaj amuzajn kontribuajxojn. Marjorie Boulton neniam tedas!"

Tamen, kiel emfazas Maul, oni honoras per la kultur-premio precipe sxian poezion: "La tutan verkaron de Marjorie Boulton distingas profunda humaneco, kiu tute konforme al la FAME-statuto spiras toleremon kaj interkomprenon."

La solena matineo en la urba biblioteko de Aalen, kie trovigxas ankaux la biblioteko de Germana Esperanto-Instituto, okazos probable dum printempo 1998; preciza dato ne jam estas

fiksita. Marjorie Boulton estas la tria virino, kiu ricevas la kultur-premion, post Ada Fighiera-Sikorska kaj Spomenka Sxtimec.

Premiito estis, cetere, ankaux la jxus mortinta poeto Rikardo Sxulco.

Teksto de FAME-prezidanto
Stefan Maul, Pferseer Str. 15,
DE-86150 Augsburg
retadreso: maul@newsfactory.net

Enhavo

---

**STIPENDIO IVO LAPENNA**

Memore al Prof. D-ro Ivo Lapenna (1909-1987) kaj al liaj elstaraj meritoj por la Internacia Lingvo gxenerale kaj ties aplikado en la scienco speciale, Fondajxo Ivo Lapenna starigis "Stipendion Ivo Lapenna".

La stipendio konsistas el subvencio al kiel eble plej multaj disertacioj je universitata nivelo (doktorgihoj, magistrighoj, licencioj), kiuj temas pri esperantologio kaj/aux pri Esperanto en rilato kun interlingvistiko kaj estas ellaboritaj en la spirito de L.L. Zamnhof kaj Ivo Lapenna.

En 1996 la Stipendio estis aljughita por jena faklaborajxo: "Skautowej Ligi Esperanto 1918-1995" (Monografio de Skolta Esperanto-Ligo), magistra disertacio akceptita de Jagiellona Universitato de Krakovo (Pollando); auhtoro: S-ro Jarosl/aw A. Fotyga.

Ankauh en 1997 la Stipendio estis aljugxita por faklaborajxo: (La propedeuxtika valoro de Esperanto en la formado de hungaraj infanoj lernontaj la italan lingvon), disertacio akceptita de la Universitato en Budapesxto (Hungario); auxtoro: D-rino Katalin Smidéliusz.

Stipendio Ivo Lapenna estos denove aljugxita en 1998 por disertacio oficiale akceptita de universitata instanco en la jaro 1997.

Auxtoroj dezirantaj kandidatigxi al la Stipendio bv. peti la detalan regularon de la sekretario-kasisto de Fondajho Ivo apenna, s-ro Jimmy Stryhn Meyer, p/a Lagoudaki, 59 Avenue de la Gare, LU - 1611 Luksemburgo, LUKSEMBURGIO.

Limdato por la transsendo de faklaborajxo en du ekzempleroj estas fino de februaro 1998 al: D-ro Klaus Perko, Lendkai 111, AT - 8020 Graz, AUXSTRIO.

Jimmy STRYHN MEYER, sekretario-kasisto

Enhavo

---

**Europanto**

Tradukisto cxe Euxropa Ministra Konsilio kompilis novan lingvon, nomata Europanto - kiu trovis vastan reehxon dise en la mondo en la nacilingva gazetaro...

Enhavo

---

**Svisaj Renkontigxoj**

28.2.-1.3.1998: skisemajnfino en Meiringen;
21.-22.3.1998: trilanda renkontigxo en Bazelo;
21.-22.11.1998: JES-cxefkunveno

Informoj: JES, pf 32, CH-2416 Les Brenets

Enhavo

---

# ELTEKO-6

internacia laborgrupo pri **EL**ektroniko **TE**lematiko **KO**mputiko
Esperanto-Domo Hamburg, 20a gxis la 22a de Februaro 1998

Thema: Re: ELTEKO-6 en Hamburg - aligxo
Datum: 19.01.98 10:01:15
From: Duhme@stud-mailer.uni-marburg.de
To: EsperantHH@aol.com (EsperantHH)

Saluton Frank !

Dankon pro via interesigxo al ELTEKO-6.
Bedaurinde mi devas informi vin ke, pro neantauviditaj samtempaj
labordevoj, mi nuligis la renkontigxon kaj pri aliaj datoj mi tute
malcertas.

amike *Mauro T. Duhme*

ELTEKO estas semajnfina renkontigxo malfermita al cxiuj kiuj interesigxas, hobie aux profesie, pri elektroniko, telematiko aux komputiko. Cxiuj povas proponi temojn, prelegojn aux simple partopreni en la laborgrupo. Ni celas intersxangxi spertojn, ideojn, kaj kompreneble ne nur teoriumi sed ankaux praktiki.

Dum la renkontigxo eblos acxeti/vendi/intersxangxi soft-hardvaron. Kunportu viajn varojn kaj viajn ideojn! Se vi estas komencanto, ne timu, cxiuj komencantoj estas bonvenaj!

Sabaton ni ricevos tagmangxon en la Esperanto-Domo.

Pliaj informoj kaj aligxoj cxe:
Duhme * Friedensplatz 4 * 35037 Marburg * Tel: 0 64 21 - 16 16 02
Retadreso: Duhme@stud-mailer.uni-marburg.de

ELTEKO-hejmpagxo:
http://members.aol.com/wdherndon/ELTEKO.htm"http://members.aol.com/wdherndon/ELTEKO.htm>http://members.aol.com/wdherndon/ELTEKO.htm

Enhavo

---

**Junulara Paska Renkontigxo 1998**

Tempo: 10-13 aprilo 1998 * Loko: apud Joure, norda Nederlando

Temo: *Konsumeti* malpli multe kaj pli konscie konsumi

En cxi tiu tempo kun medipoluo tre gravas ke ni konscie traktas nian vivmedion kaj gxiajn produktojn. Tial ni devas malkreskigi la rubomonton. Kiel ni mem povas helpi, tion vi povas ekscii dum la Paska Renkontigxo 1998.

Krome, Kajto koncertos. Ni festos kun ili ilian dekjarigxon. La koncerton oni surdiskigos. La publiko kunkantos. Do se vi volas ke via vocxo estos sur la kompaktdiskon...

Se vi volas pliajn informojn aux paperan aligxilon: skribu al nej@dds.nl.

el interreto de Fabien van Mook, sekretario de NEJ

Enhavo
Re al la cxefpagxo